# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

12. Jahrgang / Nr. 76 (2/1976) 30 Pf


## *Neue Aufgaben der Esperantisten*

1976 wird ein Jahr wichtiger Ereignisse.

Im Februar tagte der XXV. Parteitag der KPdSU. Im Mai werden die Delegierten des IX. Parteitages der SED die zur Diskussion unterbreiteten Dokumente beschließen.

Die im Kulturbund der DDR organisierten Esperantisten werden ihren Beitrag bei der Mitgestaltung der entwickelten sozialistischen Gesellschaft überdenken und sich neue Aufgaben stellen. Auf Kreis- und Bezirksebene vorbereitet, wird im November der neue Zentrale Arbeitskreis Esperanto im Kulturbund der DDR gewählt.

Welche Aufgaben gilt es in nächster Zeit zu lösen?

Es ist unbedingt wichtig, die Gruppen der Esperantisten im Kulturbund der DDR und die Leitungen auf allen Ebenen wesentlich zu stärken. Dabei verdient die Entwicklung der Jugendarbeit zentrale Aufmerksamkeit. Das sprachliche und fachliche Niveau eines jeden Esperantisten muß systematisch verbessert werden. Die Ausstrahlung unserer Arbeit in und außerhalb des Kulturbundes gilt es zu erhöhen. Das sind einige notwendige Voraussetzungen, um noch wirksamer die internationale Sprache Esperanto für die Ideen des Friedens und des Sozialismus, für Entspannung, Internationalismus und Völkerfreundschaft einsetzen zu können.

Das ist ein konkretes und weites Tätigkeitsfeld. Neue schöne und große Erfolge, zusammen mit unseren Freunden in der UdSSR, unseren sozialistischen Nachbarn und den anderen sozialistischen Ländern und allen fortschrittlichen Kräften gilt es zu erringen. Im Geiste des IX. Parteitages!

Prof. Walter Bartel

## La murdo je Ernst Thälmann, la gvidinto de la germana KP

La antifaŝistoj de la koncentrejo Buchenwald scias pri multaj mortigoj de SS, la speciala taĉmento de la faŝista ŝtato. La ekstermo de judaj civitanoj, la laŭplana nuligo de polaj kaptitoj okazis ĉiutage. Kun indignego ni devis
laŭplana nuligo de polaj kaptitoj okazis ĉiutage. Kun indignego ni devis
konstati la diablan murdon je 8000 sovetiaj kaptitoj en speciala instalaĵo, la t. n. nuka pafmortigo. Kaj krom tio la ĉiutaga murdo: pafmortigita de SS, dispecigita per piedpremado, pendigita, sufokita, venenita, injektita per mortigaj medikamentoj, pereigita per malsato kaj epidemio. Jen la sorto de patriotoj el 32 eŭropaj landoj. Se oni demandas politikan kaptiton de Buchenwald, kiu tago estis la plej nigra en la historio de tiu koncentrejo, tiam li senhezite respondos: la 18-a de aŭgusto 1944.

En la unua horo de tiu tago, SS-taĉmento en la kremaciejo de Buchenwald pafmortigis E. Thälmann embuske de malantaŭe. Kelkajn horojn antaŭe venis telefona ordono de la Regna Ĉefsekurejo al la komandanto de Buchenwald, Pister, ke li ekhejtigu la fornon de la kremaciejo por meznokto. La tie okupitaj kaptitoj estis enkazernigitaj en siaj loĝejoj. Anoncita estis la alveno de du anoj de la Regna-Ĉefsekurejo. Ili alportis kaptiton, kiu tuj estu ekzekutota.

Kiam la anoncita transporto alvenis en Buchenwald, kunvenis en la korto de la kremaciejo la SS-oficiroj Otto, Gust, Hoschulte, Warnstedt, la adjudanto de la komandanto Schmidt, la SS-kuracisto de la koncentrejo Schiedlausky, la SS-oficiroj Berger kaj Stoppe. El la aŭtomobilo aperis tri civiluloj. La viro en la mezo, granda, larĝŝultra, sen ĉapelo, kalva, devis iri antaŭen kaj tuj ekkrakis tri pafoj el pistoloj, post duona minuto sekvis kvara, verŝajne la mortiga pafo. Tiamaniere finiĝis la vivo de la estro de la Komunista Partio de Germanio, Ernst Thälmann, sub la kugloj de la SS-murdistoj.

Ni, politikaj kaptitoj, aŭdis dum tiu nokto, ke E. Thälmann estis pafmortigita en la kremaciejo. Sed la fontoj estis malklaraj: onidiroj trakuris ĉiutage la koncentrejon. Oni ne volis kredi la teruraĵon.

La bombatako de la amerikanoj kontraŭ la armilaj laborejoj en la koncentrejo kaŭzis la morton de 400 kaptitoj. Multaj devis morti, ĉar la SS pafmortigis la kaptitojn, kiuj serĉis protekton en la proksima arbaro. Inter tiuj mortigitoj ankaŭ troviĝis Rudolf Breitscheid, la estro de la socialdemokrata frakcio en la germana parlamento.

Sed kio estis kun E. Thälmann? Nia esplora servo ĉiam venigis novajn faktojn, kiuj finfine supozigis la mortigon. Tri semajnojn la nazia registaro silentis. Nek unu vorto pri la mortigo de E. Thälmann, nek unu vorto pri la pereo de R. Breitscheid.

Fine, la 16-an de septembro 1944 la „Völkischer Beobachter“, la centra organo de la nazia partio, publikigis la mensogan informon: „Koncentrejo bombardita“. „Dum terora atako al la ĉirkaŭaĵo de Weimar la 28-an de aŭgusto 1944 estis ankaŭ trafita la koncentrejo de multnombraj eksplodiloj. Inter la pereintaj kaptitoj troviĝis ankaŭ la iamaj parlamentaj deputitoj Thälmann kaj Breitscheid.

Tio estis triobla mensogo. Unue la bomba atako ne okazis kontraŭ la ĉirkaŭaĵo de Weimar, sed kontraŭ la armilaj laborejoj de la koncentrejo de Buchenwald; due estis falsigita la dato kaj trie dum la bombado pereis nur Breitscheid kaj ne Thälmann.

SS-ulo cinike komentis al unu de niaj kamaradoj, ke Thälmann jam estis mortpafita en la kremaciejo kelkajn tagojn antaŭ la bombatako kontraŭ Buchenwald.

Ne plu ekzistis dubo: Ernst Thälmann ne plu vivas, pafmortigita de la SS. Tiu sciigo rapide trakuris la koncentrejon. Ni germanaj antifaŝistoj, profunde emociigitaj pri la murdo, travivis laŭ la cirkonstancoj en koncentrejo, respektan kondolencon. Eksterlandaj kamaradoj, antifaŝistoj el multaj aŭropaj landoj, premis al ni la manojn kun funebra mieno kaj nur diris unu vorton: Thälmann. Ni sentis la estiman respekton kaj amon al nia kamarado, la funebron pri lia morto, sed ankaŭ la firman decidemon, pli forte daŭrigi lian batalon.

La kamaradoj de la vestaĵa labortaĉmento organizis funebran manifestacion en la kelo desinfekteja. La ejo estis dekorita per nigra kaj ruĝa stofoj. En la fundo de scenejo staris rapide produktita bildo de Thälmann. Tiun manifestacion partoprenis 90 kamaradoj el preskaŭ ĉiuj regionoj de Eŭropo okupitaj de la nazioj. Willi Bleicher, post 1945 longjara estro de la metal-sindikato de Württemberg-Baden, inaŭguris la manifestacion. Robert Siewert, poste alta funkciulo en la Germana Demokratia Respubliko (GDR) parolis la memorigajn vortojn. Funebran marŝon ludis violinisto kaj la ĉeestintoj mallaŭte kunkantis la saman melodion. Kamarado Karl Schnog deklamis. Finfine oni komune kantis la „Varŝavjanko-n“. Per fermita, levita pugno restis la anaro por kelkminuta silento. Sed ankaŭ kaŝe enviciĝis spiono. Li perfidis la aranĝon al SS, sed ne povis nomi iujn nomojn. SS arestis trafe maltrafe kaptitojn el la vestaĵa labortaĉmento inter ili Robert Siewert kaj la estron de la kaptitoj, Erich Reschke. Ili estis fitraktitaj de SS. Sed ili silentis. SS ne eksciis, kiu apartenis al la neleĝa estraro de la germana kaj internacia rezista movado. La batalo estis daŭrigita. En la spirito de Ernst Thälmann ni preparis nin por la liberigo el la teroro de la faŝistoj.

(Laŭ eldono de „Internaciisto“, N-ro 19 Vieno)

# Monda Federacio de Sciencistoj eldonas „Sciencàn Mondon“ en Esperanto!

La Monda Federacio de Sciencistoj (World Federation of Scientific Workers) kun sia sidejo en Londono, estas tre prestiĝa kaj renoma internacia neregistara organizo. 1946 fondita de mondfamaj sciencistoj kiel P. M. S. Blacket kaj J. D. Bernal, la Federacio deklaris „La ĉefa celo de la sciencaj societoj agnoskantaj la statuton de la Monda Federacio de la Sciencistoj, estas la plibonigo de la homa ekzistado per la apliko kaj disvolvo de la scienco. La sciencistoj ne povas pli longe pasive rigardi la misuzon de la scienco, kondukantan ne nur al nenecesaj suferoj kaj ruinigoj, sed ankaŭ bremsantan la progreson de la scienco mem. Ĉar nur en erao de paco kaj de internacia kunlaboro la scienco povas esti utiligata plene por la bono de la homaro, tial la sciencistoj havas pli grandan respondecon por la konservo de bonaj politikaj rilatoj inter la nacioj ol la simpla civitano.“ (El la preamblo de la statuto.)

Al la Federacio aktuale apartenas membroj-societoj en 26 landoj. En pliaj 30 landoj MFS havas korespondajn membrojn.

La profito de la agado de MFS i. a. videblas en la temoj de konferencoj okazigitaj dum la lastaj jaroj, ekz.:

- eŭropa sekureco kaj scienca kunlaboro (Vieno 1967)
- la rilatoj inter scienco kaj tekniko (Bratislava 1969)
- problemoj de junaj sciencistoj (Enschede 1971)
- ABC-armiloj, malarmado kaj la respondeco de la sciencistoj (Berlin 1971)
- la sciencisto en la socio (Varna 1973)
- la rolo de la sciencistoj kaj iliaj organizaĵoj en la batalo por malarmado (Moskvo 1975).

MFS eldonadas la revuon „Scienca Mondo“, kiu aperas kvarfoje jare en la lingvoj angla, franca, rusa kaj germana, ĝis nun . . .

Ĉar ek de 1976 tiu-ĉi grava revuo ankaŭ aperos en la internacia lingvo Esperanto. Tiun sukceson akiris ISAE, nepre gratulinda. La enhavo de la artikoloj estas ĝenerale popularscienca. Speciale grava por Esperanto estas la fakto, ke tiu revuo kontribuos al la evoluigo de la scienca terminaro.

Ĉiu iom science interesita esperantisto do nepre abonu la revuon. CLR mendis ĉe la poŝto provizoran kvanton. Do mendojn bv. sendi al CLR.

**„Bulgara esperantisto“**

Abonojn por „Bulgara esperantisto“ peras ekde 1976 sinjorino Brigitte Thieme, 84 Riesa, Dr.-Külz-Str. 13. Ni varme rekomendas la abonon de tiu-ĉi interesa revueto.

**Gratulojn al la novgeedzoj**

Edziniĝis en februaro 1976 la membro de CLR Ingrid Schödl el Potsdam kun Peter Langer. La geedza paro portos la familian nomon de la edzino. Do vivu la ge-Schödl-oj! Bonfarton, sanon kaj multe da feliĉo!

**Skribu al ni — vizitu nin!**

Ni, anoj de la klubo „Verda Eskadrono“, 7700 — Târgovište, Pk. 132, Bulgario, ege ŝatus korespondi kun geamikoj (ankaŭ gejunuloj, infanoj) el GDR. Estu bonvenaj, se vi eble traveturos nian landon kaj nepre vizitu nin en Târgovište! Telefonnumero de nia prezidanto Stojan Ŝopov estas 28 — 71.

# „Courrier de la Paix“ über MEM

In der Publikation des Weltfriedensrates „Courrier de la Paix“, die außer in französischer auch in englischer, spanischer und deutscher Sprache erscheint, wurde in Nr. 2/1975 (S. 7) folgende Information veröffentlicht:

„Die Weltfriedens-Esperantisten-Bewegung“

Im Rahmen des Weltkongresses der Friedenskräfte, der in Moskau stattfand, ist eine Vereinbarung zwischen dem Weltfriedensrat und der MEM (Weltfriedens-Esperanto-Bewegung) unterzeichnet worden. Diese Vereinbarung enthält eine gemeinsame Erklärung, in der allen Friedenskomitees und allen MEM-Sektionen empfohlen wird, „gegenseitige konstante Kontakte herzustellen mit dem Ziel, die internationale Sprache zur Festigung ihrer internationalen Beziehungen in breitem Maße zu nutzen und die Esperantisten zur aktiven Mitarbeit in den Friedensorganisationen zu gewinnen“.

Es wurden ebenfalls Vorschläge für Formen und Methoden der gegenseitigen Zusammenarbeit und Hilfe zwischen den beiden Organisationen vereinbart. Die beiden Dokumente wurden durch Romesh Chandra, Generalsekretär des Weltfriedensrates, und Nikola Aleksiev, Präsident der MEM und Mitglied des Weltfriedensrates, unterzeichnet.

Das offizielle Organ der MEM „Paco“ (Frieden) veröffentlicht regelmäßig Artikel über die Aktivitäten und Publikationen des Weltfriedensrates.

In vielen Ländern sind bereits verantwortliche Vertreter der MEM Mitglieder der nationalen Friedensräte.

(Resumo: Pri la kontrakto inter MEM kaj Monda Packonsilantaro en „Courrier de la Paix“ 2/75)

---

**Gravaj artikoloj pri Esperanto en sovetiaj ĵurnaloj**

En la revuo „Kulturo kaj Vivo“, kiu estas eldonata de la Asocio de sovetiaj societoj por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando (SSOD) kaj kiu aperas en la rusa, germana, angla, franca kaj hispana lingvoj, en 1975 aperis du ampleksaj kaj gravaj artikoloj pri Esperanto. En n-ro 1/75 (paĝo 44) D. Armand kaj S. Podkaminer sub la titolo „Esperanto“ informas pri la praktika internacia apliko de la internacia lingvo. En n-ro 8/75 de la sama revuo la prezidanto de MEM, Nikola Aleksiev, amplekse traktas la agadon de MEM. En n-ro 44/1975 de „Nova Tempo“, internacipolitika ĵurnalo de USSR, kiu aperadas en rusa, germana, angla, franca, hispana, pola. ĉeĥa kaj araba lingvoj sur paĝo 30/31 d-ro M. Isaev, respondante al demando de leganto, amplekse argumentas ĝenerale por internacia planlingvo kaj substrekas la ĝisnunajn atingaĵojn de Esperanto. Li i. a. skribas (paĝo 31) „En USSR same estas entreprenataj esploroj pri la problemo de helplingvo por la internacia komunikado. Je la decido de la prezidio de la Akademio de Sciencoj de USSR tiu-ĉi laboro estis komisiita al la Instituto por Lingvoscienco. Tie estas fondita esplorgrupo pri demandoj de internacia helplingvo, kies gvidanto mi estas“.




## „Paco" - Organ der MEM

Die Zeitschrift der Weltfriedens-Esperantisten-Bewegung (Mondpaca Esperantista Movado, MEM) „Paco" erscheint seit 1952 und wurde bis 1973 jeweils pro Nummer von einer anderen Landessektion herausgegeben. Seit 1974 erscheinen zwei Serien. Die offizielle Serie wird im Auftrage des Sekretariates der MEM von der Bulgarischen MEM-Sektion herausgegeben. Diese Serie besteht aus jährlich 6 Nummern, pro Heft 16 Seiten. Außerdem geben jährlich einzelne Landessektionen der MEM ebenfalls Hefte heraus, so u. a. die UdSSR, DRV, Japan, Ungarn, ČSSR, Frankreich und die DDR. „Paco" ist ohne Zweifel eine der interessantesten in der internationalen Sprache gedruckten Zeitschriften, deren inhaltliches Niveau sich ständig verbessert..

In den einzelnen Nummern findet man wichtige Beiträge des Weltfriedensrates, Analysen zu aktuellen internationalen Fragen, die von Wichtigkeit für die Weltfriedensbewegung sind, literarische Beiträge, Gedichte, Rezensionen, zahlreiche sprachliche und fachliche Beiträge über Esperanto und die internationale Esperanto-Bewegung, Humor, Karikaturen, Korrespondenzannoncen und vieles andere mehr. Jedes Heft besteht aus Kunstdruckpapier und enthält zahlreiche Illustrationen.

„Paco" verdient auch Ihr Interesse. Abonnements (M 10,–) werden noch beim Zentralen Arbeitskreis entgegengenommen.

(Resumo: Informoj pri „Paco", alvoko al abono)

---

**Varbu por „Paco"!**

1975 la abonantoj de „Paco" ricevis jenajn valorajn numerojn:

1. Oficiala serio, 1–6/1975 (el Bulgario)
2. Aldonaj numeroj ankoraŭ de 1974, t. e. el Sovetunio kaj el ĈSSR
3. Aldonaj numeroj por 1975 el ĈSSR kaj GDR
4. Informado el Vjetnamio 1–2/1975.

Sume vi ricevis 250 paĝojn, kaj ĉion por 6,– m. Esperebl vi havos komprenon, ke ni devis plialtigi la abontarifon ekde 1. 1. 1976 al 10,– markoj, por tiel alproksimiĝi al la internacie kutima meza prezo.

Varbu por „Paco", unu el la plej multflankaj Esperanto-gazetoj, lukse presita, riĉe ilustrita.

Abonojn por GDR akceptas Centra Laborrondo Esperanto, 108 Berlin, Charlottenstraße 60.

# Tendumado ĉe Berlin!

Kiel ni informis en „der esperantist“ n-ro 1/76 (n-ro 75) de 5.—18. 9. 1976 ekzistas ebleco partopreni internacian esperantistan tendumadon sur la internacia kampadejo „Intercamping-Krossinsee“ ĉe Berlin, ĉefurbo de GDR. Intertempe ni eksciis pliajn detalojn:

1. Partopreni povas ĉiu esperantisto, kiu a) alveturos per propra tendo (preferata formo) aŭ b) mendos liton en lutendoj. Loko por propra tendo kostas por tagnokto 4 markojn, por tranokto en lutendo 8 markojn, aldone oni pagas 1 markon por aŭtomobila parkejo. La nombro de la lutendoj (meblitaj kaj kun tolaĵo) estas limigita. Rapidaj mendoj necesas. Pagoj nur surloke.
2. Pri la nutrado, kiel ĝenerale sur tendumejoj, ĉiu zorgos mem. La esperantista preparkomitato pro teknikaj kaŭzoj ne povas organizi komunajn manĝadojn.
3. La esperantistoj de Berlin zorgos pri riĉa kaj varia programo, organizos prelegojn, seminariojn, filmprezentadojn, ekskursojn, dancvesperojn kaj aliajn distraĵojn. Estas antaŭvidita koversacia kurso por plibonigi la lingvan nivelon.
4. Ĉiu partoprenonto mem devas havigi al si validajn pasportojn kaj permesojn por envojaĝo en GDR. En okcidentaj landoj haveblaj pere de la vojaĝoficejoj se oni indikas kiel celon „Intercamping-Krossinsee-Berlin“. Restadpermeson en Berlin oni tiam ricevos en la ĉefa vojaĝoficejo ĉe Aleksander-placo.
5. La aliĝiloj estas haveblaj ĉe Centra Laborrondo, DDR - 108 - Berlin, Charlottenstraße 60. La aliĝiloj enhavu jenajn indikojn: familia nomo, antaŭnomo, sekso, profesio, naskiĝjaro, jaro de la esperantistiĝo, plena adreso.

Lasta aliĝdato estas 1-a de julio 1976.

Disvastigu la informojn inter viaj membroj!

### Esperanto-angulo en Sovetskaja molodjoj, Riga

En la supre menciita gazeto, la organo de CK de Komsomolo de Latvio regule aperas Esperanto-anguloj, redaktitaj tre lerte en rusa lingvo de J. Gold.

Estas multaj informoj pri la internacia kaj sovetia Esperanto-movado, kiu aperas sub la slogano „Pri la lingvo de la amikeco-Esperanto“.

### Forpasis Ivan Canev

Fine de 1975 forpasis la aktivulo de MEM, Ivan Canev el Sofio. Ni honormemoros lin.

### Kiu povas helpi?

Kiu povas sendi al mi la mankantajn n-rojn de „der esperantist“ 1/2, 54, 55/56 kaj 57/58? La n-rojn mi rekompencos laŭ interkonsento. Skribu al J. Kafka, 431 63 Perštejn 63, CSSR.

*Aleksandr Logvin*

## Al Nikolao Danovskij, okaze de lia 70jara jubileo *

*Ne multaj restis veteranoj*
*Sub verda stel' de l'mondling-*
*vanoj . . .*

*Kaj inter ili – Vi, fervora*
*Fidela, firma kaj bonkora.*

*Duono de l'jarcent'-konatoj,*
*Ni iras vigle tra sortbatoj . . .*

*Ni konatiĝis dum kongreso:*
*El Moskvo – mi, V – el Odeso.*

*Ho, Leningrad'! Ho, rememoro*
*Pri urbo de l'Oktobra gloro!*

*Invitis gastojn vi anime*
*El tuta mond', de malproksime . . .*

*Levinte la nebul'kurtenon,*
*Mi vidas tiun ĉi festenon.*

*Ni estis junaj, spritaj, bravaj!*
*Kaj nun nur restis fotoj flavaj.*

*Sed lasu cindron de l'paseo –*
*La vivo vokas nin al kreo!*

*La paco – ĝoj' de l'harmonio*
*Por la muziko, poezio,*

*Por la homar' kaj florpetalo,*
*Por l'Universo kaj Kristalo,*

*Por venko de konkurs-amikoj*
*Sub hela flag' de l'Olimpikoj!*

*La harmonia kolektivo*
*Disfloras en la paca vivo.*

*Ni vivas. Kaj en tio – ĝojo.*
*Pluiru ni laŭ paca vojo!*

*Moskvo, 1976*

* 10. 12. 1975

---

**DDR-Paco 1975/1976**

Die DDR-Ausgabe des „Paco" 1975 erschien im März 1976. Die Ausgabe 1976 erscheint im August 1976.

---

### Wer kennt Alois Huber?

*Herr Max Winkler, 59 Eisenach, Werrastraße 8, schreibt uns:*

„Seit einigen Jahren versuche ich vergebens, Ermittlungen über einen Esperantofreund Alois Huber anzustellen.

Auf unserer letzten Zusammenkunft Pfingsten 1934 im Reichsmaßstabe und illegal wurden Maßnahmen zum Kampf gegen den Faschismus getroffen. Genannter hatte die Aufgabe, das in der Schweiz gedruckte Material, Braunbuch, Volkszeitung u. a., aus Holland nach Deutschland zu schaffen. Er wurde gefaßt, in einem Prozeß zum Tode verurteilt und später zu lebenslangem Zuchthaus begnadigt.

In meinem Prozeß war er als Zeuge vorgeführt.

Nach 1945 war Alois Huber als Verantwortlicher eines Kindertransportes in der damaligen SBZ. Er kann heute ungefähr 65 Jahre alt sein. Nähere Angaben kann ich leider auch aus meinen Prozeßakten nicht machen. Auch Ermittlungen über die Redaktion „Die Tat", Frankfurt/Main, blieben bisher erfolglos."

*Wer kann Herrn Winkler helfen?*

*Violin Oljanov, Sofio*

# Metodikaj demandoj de la instruado de Esperanto III

(Daŭrigo el „de" n-ro 1/76 kaj fino)

## 7. Elekto de metodo

Jam en la komenco de niaj notoj ni menciis, ke la metodo, laŭ kiu ni devas instrui, dependas tre multe de la celo de la kurso, de la nivelo de la aŭskultantoj kaj de iuj aliaj objektivaj cirkonstancoj. Sed ĝi dependas antaŭ ĉio de la personeco de la lektoro. Ĉiu lektoro havas sian preferatan metodon, kaj se li estas laborinta multjare, lia metodo jam „eniris lian sangon", kaj ĝia ŝanĝo estas tre malfacila tasko. Jen pro kio la organizantoj de kursoj unue devus difini la metodon, kiun ili konsideras plej celkonforma por la malfermota kurso, kaj poste, depende de tio, difini la lektoron. Kompreneble, tio estas ideala postulo, malfacile efektivigebla, kiam mankas sufiĉaj bonaj instruistoj. Niaj E-societoj ordinare jam de multaj jaroj havas samajn lektorojn, bedaŭrinde ne ĉiam sufiĉe spertajn, ofte eĉ sub la minimumaj postuloj. La rezulto en tiaj okazoj: rapide malgrandiĝas la nombro de la kursanoj kaj iam la kursoj eĉ disfalas. Sed eĉ se la kurso ne venus al tia nedezirinda fino, en similaj okazoj la alproprigo de la materialo fare de la kursanoj estas sub la necesa nivelo. Krei bonajn kondiĉojn por apliko de efika metodo kaj por plenrezulta fino — tio antaŭ ĉio devigas la organizantojn bone selekti la kursanojn laŭ ilia klereco, kultura nivelo kaj lingva instruiteco kaj sento. En unu kurso ne devas partopreni samtempe homoj kun supera kaj aliaj sen mezgrada instruiteco. Jen pro kio jam ĉe la enskribigo oni devas noti la jenajn informojn pri ĉiu kandidato: nomon, adreson (telefonon), profesion, instruitecon, naskiĝdaton. Tiuj informoj helpos al la bona distribuo de la lernantoj.

*La rekta metodo* proksimiĝas al la natura ekrego de la lingvo fare de la infanoj. Per rekta montrado kaj nomado de la objektoj kaj konversacioj oni pli facile lernas novajn vortojn kaj esprimojn. Per konstanta ripetado kaj kunmetado de la samkategoriaj vortoj oni instinkte lernas kaj aplikas la gramatikajn regulojn. Tiu metodo estas bonrezulte utiligebla por instruado al malgrandaj infanoj kaj homoj kun malalta instruiteco. En ĝi oni eĉ ne mencias pri gramatiko kaj gramatikaj reguloj.

*La gramatika metodo,* kontraŭe, instruas la lingvon per plena kaj laŭsistema formuligo de la gramatikaj reguloj. La taskoj estas donataj por instrui la regulojn. En ĝi ordinare la gepatra lingvo estas vaste uzata por klarigoj kaj por tradukoj.

*La miksitaj metodoj* estas sintezo de tiuj du postuloj. Ja ĉiu ekstremaĵo proksimiĝas al absurdo. Ĉiam oni trovas la plej bonan solvon de kiu ajn problemo utiligante la efikajn elementojn de du aŭ pli da ekstremaj principoj. La miksaj metodoj en la lingvoinstruado faras nome tion. Ĉiu lektoro, memkompreneble, povas kombini diversajn elementojn, povas doni avantaĝon al la unua aŭ al la dua metodo.

La konversaciaj-gramatikaj metodoj estas la plej disvastigitaj kaj plej taŭgaj en niaj nunaj kondiĉoj. Tia metodo estas ekzemple la metodo de Andreo Ĉe. La enhavo de lia kurso tamen ne taŭgas por niaj, bulgaraj, kondiĉoj.

La plej grava celo de la E-instruado estas *paroligi* la kursanojn. Post la fino de la elementa kurso ili devas esti kapablaj fari ordinaran ĉiutagan konversacion. La gramatika analizo ludas duan rolon, la tradukado — trian. Ĝi estas utiligenda nur por kontrolo de tempo al tempo, ĉu la materialo aŭ aparta frazo estas bone komprenata. La roloj de la gramatika analizo kaj de la tradukado iom post iom kreskas en la dua (daŭriga) kaj en la tria (perfektiga) kursoj. Jen pro kio en la elementa kurso la baza parto de la leciono devas esti konversacio. Per konversacio ni devas komenci kaj la konversacio devas esti la baza elemento de la tuta kurso ĝis la fino.

La gramatikajn regulojn la lernantoj konkludas el la konversacia materialo, el la donitaj lecionaj ekzemploj. La instruisto povus tiurilate helpi la lernanton emfazante diversmaniere la gramatikajn elementojn, kiujn li volas prezenti kaj komprenigi al la kursanoj. La emfazo povas efektiviĝi per intonacio, per ripetado de la elemento, per substreko aŭ skribado per kolora kreto. Ordinare oni kunigas kelkajn rimedojn de emfazo.

Tio estas la tiel nomata *indukta metodo,* ĉe kiu el apartaj ekzemploj la lernantoj konkludas la ĝeneralan regulon. Per ĝi oni pensigas la lernantojn, plifortigas ilian atenton, intensigas ilian mensan partoprenon en la kurso. Tiuj procesoj kontribuas al pli bona alpropriĝo de la materialo kaj pli profunda kaj daŭra fikso en la memoro. Je la fino de la leciono la instruisto povas formuli (aŭ pli bone formuligi pere de la lernantoj) la regulon, sed tio povas okazi ankaŭ en sekvaj lecionoj (kune kun aliaj reguloj).

Ĉe la *dedukta metodo* oni prezentas la regulon, kiun la lernantoj parkerigas kaj devas apliki en la apartaj kazoj. Ilia partopreno do en la kurso estas malpli aktiva.

**8. Elekto de lernolibro**

Pri la lernolibro gravas la samaj premisoj kiel pri la metodo. Akcepti tiun aŭ alian lernolibron ankaŭ dependas de la aĝo kaj de la ceteraj karakterizaĵoj de la kursanoj, de la inklino kaj la sperto de la instruisto, de la aplikata metodo. Kiam ne estas harmonio inter la metodo de la lernolibro kaj de la lektoro, la lecionoj lamas, la instruisto ĉiam sentas ian bremson. Plej malbone estas, kiam ankaŭ la lernantoj eksentas tion. Kompreneble, la lernolibro estas nur helpilo kaj la lektoro devas ĝin subigi al siaj celoj; li devas ĝin utiligi konforme al sia metodo. La lektoro ne estas devigata strikte sekvi la ordon de la lecionoj, nek utiligi ĉiujn lecionojn, nek ĝuste en la sama formo. Ĉiam la influo de la lernolibro estas tre granda, ĝi ĉiam tiras al si.

Bedaŭrinde, en nia lando mankas lerniloj en sufiĉa kvanto kaj sortimento kaj la E-instruistoj ne povas elekti — ili simple prenas tiun, kiu estas aĉetebla en la momento. Ni ne parolu pri lerniloj por daŭrigaj kaj perfektigaj kursoj.

En tiuj cirkonstancoj la lektoroj, kiuj scipovas instrui sen lernolibro, estas en privilegia situacio. Sed la senlibra instruado ne estas nur necesa alternativo — kiam mankas taŭgaj lernolibroj. Ĝi havas multajn avantaĝojn.

La plej grava el ili estas tio, ke la lektoro estas sendependa — li libere sekvas sian metodon, laŭ siaj komprenoj, laŭ sia plano. La manko de

lernolibro igas la lernantojn pli atentaj en la klaso, la lektoro estiĝas fokuso dum la leciono. Kontraŭe: kiam unu lernanto legas en la lernolibro, multaj ne atentas, ili interparolas aŭ eĉ okupiĝas pri aliaj flankaj aferoj. La manko de lernolibro plifirmigas la disciplinon — forestoj estas pli maloftaj, ĉar oni scias, ke malestas aliaj fontoj por ellerno de la materialo krom la leciono mem. La lecionoj sen lernolibro evitas la monotonecon de legado, estas pli variaj, pli viglaj. Dum ili la lernantoj partoprenas pli aktive kaj kun pli granda atento.

**9. La gepatra lingvo**

La moderna metodologio ne rekomendas uzon de la gepatra lingvo pro du ĉefaj konsideroj. Kiam la instruisto malkovras novajn vortojn, esprimojn aŭ gramatikajn regulojn ne uzanta la gepatran lingvon, la atento streĉiĝas maksimume, kaj se la ekzemploj estas impresaj, la lernantoj ilin fikse memoras kaj tiamaniere memoras ankaŭ la instruitan materialon.

La dua konsidero estas, ke la lernantoj kutimiĝas pensi en Esperanto. Ili ne konstruas la E-frazon per la bulgara frazo aŭ per tiu de iu ajn alia lingvo. Pro tio ili parolas kaj skribas korekte, neinfluate de la nacia gepatra lingvo.

Pro la samaj konsideroj ne estas necesa ankaŭ tradukado, precipe en la komenca kurso. La instruisto povus tradukigi apartajn frazojn, esprimojn aŭ vortojn nur escepte, de tempo al tempo, por kontrolo, kiam li dubas, ĉu la lernantoj bone komprenas.

La lernantoj precipe en la komencaj studhoroj tre persiste volas aŭdi la tradukon de ĉiu vorto en la gepatran lingvon, eĉ kiam ili komprenas ĝin (por ĉiu okazo!). Dependas de la firmeco de la kursgvidanto, ĉu li estos venkita aŭ venkinta. Kompreneble, dependas ankaŭ de lia sperteco. Ju pli malsperta li estas, des pli ofte li havus bezonon voki por helpo la gepatran lingvon.

**10. Teni la atenton**

Tio estas tre grava kondiĉo por la bona sukceso de la kurso. Ofte ni povas aŭdi dirojn de lektoroj kiel „mi petas, atentu" aŭ eĉ ne tiel ĝentilaj, kun sufiĉe severa tono. Tio jam estas premiso kaj signo por malsukceso. Efektive, estas arto subteni la atenton ofte dum unu horo kaj duono (ĉar oni kunigas ordinare du horojn en la kursoj, organizataj de la societoj). En tiaj okazoj estus bone en la mezo de la leciono fari kontrolon de la ĉeestantoj, redoni la hejmajn laborojn, fari sciigojn aŭ doni la parolon al la kursanoj por diversaj demandoj. Tia ŝanĝo en la mezo ripozigas la lernantojn. Sed ĝi estas tute nesufiĉa. La tuta maniero de organizo de la instruhoro devas esti tia, ke oni ne bezonu postuli atenton.

Unuan rolon tiurilate ludas la voĉo de la lektoro, kiu devas domini en la klasĉambro kaj respektigi per sia klareco, melodieco, bona prononcado kaj varieco de la tonnuancoj. Tiuj kvalitoj ne kaŭzas laciĝon. Tre grava, kompreneble, estas la enhavo de la leciono. Ĝi devas esti bonhumora: la spritaĵoj abundu en la klarigoj. Ili ne nur vigligas la lernantojn, ili helpas ankaŭ al la memoro. La anekdotoj devas esti konstantaj akompanantoj de la lecionoj, de la gramatikaj reguloj, de la novaj vortoj. Ili kune kun la

ŝercoj subtenas bonan humoron en la klasĉambro, konstantan viglecon kaj plezuron. Tiuj kvalitoj de la instruhoro estas grava faktoro por subteni bonan atenton, por forigi la laciĝon en la vesperaj horoj post labortago, kaj la lasta rezulto estas la bona sukceso de la kurso.

Por variigo de la kurso kontribuas, kompreneble, ankaŭ la kantado, deklamado, diversaj ludoj ktp. Ĉio ĝi devas esti racie dozita laŭ la aĝo, kulturo, pensmaniero de la aŭskultantoj. En tio la lektoro montros sian kapablecon, sian spertecon regi la atenton de la aŭditorio.

**11. La preparo de la leciono**

Tre grava por la sukceso estas la antaŭprepara laboro. Antaŭ la komenco de la kurso la lektoro devas distribui la tutan materialon pohore. La praktiko montris, ke la tri monatoj, dum kiuj ordinare oni gvidas kursojn, ne sufiĉas por trankvila, laŭsistema instruo de la materialo. La plej bona kaj fruktodona daŭro estas la kvarmonata por ĉiu grado. Estas jam tempo starigi en la tuta lando dusemestran instrujaron — ekde la komenco de oktobro ĝis la fino de januaro kaj de la komenco de februaro ĝis la fino de majo. En ĉiu okazo la instruhoroj ne devas esti malpli ol 60. Nur tiam oni povus kanti, deklami, havi sufiĉan tempon por ripetado de la lernita materialo, por elementa konatiĝo kun la historio de la Movado kaj la organiza strukturo kaj stato de la Movado. Ĉio ĉi certigus la bonajn rezultojn.

La lektoro devas tre bone prepari ĉiun apartan lecionon. Unue li devas fari planon en la kadro de la materialo destinita por instruo laŭ la ĝenerala distribuo. Ordinare oni komencas per ripeto de la lernita materialo. La lektoro notas, kiujn elementojn li devas emfazi, kiajn demandojn li direktos, eĉ kiujn lernantojn li paroligos. Post tio estus bone diskutigi la hejman laboron, atentigante pri la tipaj eraroj.

Sekvas la punktoj de la nova materialo. Nepre devas esti markitaj ĉiuj nove instruitaj elementoj — gramatikaj kaj leksikaj, la maniero de prezento kaj ankaŭ la ekzemploj. Por ĉiu punkto de la lecionplano la lektoro devas plani la daŭrotempon, tiam estos certeco, ke la tempo sufiĉos por la destinita materialo; kaj dum la leciono oni devas kontroli la efektivigon laŭ tempo. La zorga antaŭprepara laboro kaj detala plano certigas altgrade la sukceson de la leciono. Ofte la preparlaboro okupas pli da tempo ol la daŭro de la leciono mem.

**12. La Esperanto-instruisto — grava figuro en la Movado**

La rolo de la E-instruisto ne elĉerpiĝas, kiel ĉe la instruisto de la aliaj lingvoj, per la instruo de la lingva materialo. La kursgvidanto estas vera apostolo de la Movado. Li estas ĝia baza propagandanto kaj organizanto. Ja antaŭ ĉio de li dependas, ĉu la kursanoj membriĝus al la societo, ĉu ili restus en la Movado, ĉu ili estiĝus ties aktivaj agantoj. Tiucele jam en la komenco kaj en la daŭro de la kurso li devas inspiri al la kursanoj amon al la lingvo kaj la ideo pri internaciismo, interpopola frateco kaj paco, rakonti pri la praktika laboro de la esperantistoj por la realigo de tiuj idealoj. Lecionoj pri la Movado — pri ties historio, literaturo kaj nuna stato — devas organike enplektiĝi en la kursa materialo. Esperantaj kantoj, anekdotoj, deklamaĵoj, ekskursoj, partoprenoj en E-aranĝoj — ĉio ĉi devas

esti nedisigebla parto de la kursa laboro de la lektoro. Ties devo estas ne nur instrui bone la lingvan materialon, sed ankaŭ eduki esperantistojn, aktivajn propagandantojn kaj organizantojn de la Movado.

Tiuj postuloj al la kursgvidanto faras lin centra figuro de nia Movado. De E-instruistoj dependos, ĉu la Movado supreniros aŭ stagnos. Konsidere al tio oni devas difini specialan rilaton al ili. Ne temas nur pri kontentiga kaj deca monrekompenco.

Tio ja estas unua devo de la E-societoj. Oni devas krei Esperantajn instruistojn-profesiulojn, kiuj koncentrigus sian tutan atenton kaj sciojn al tiu nobla agadkampo. Temas ankaŭ pri la spirita rilato, pri morala kuraĝigo kaj alta estimo al tiuj apostoloj de la E-movado, kio ne ĉiam estas rimarkebla. Ne malofte gvidantoj de societoj rigardas al la E-lektoroj nur kiel al plenumantoj de ilia volo, kiel al triagradaj agantoj.

Estas do necesa radikala ŝanĝo de la rilato al la E-instruado kaj ties efektivigantoj, sistemo de kuraĝigoj al la bonaj pedagogoj, avantaĝoj, kvalifikaj aranĝoj, seminarioj ktp.

---

**Tradukistoj dum la virina kongreso**

Kiel ni raportis en „der esperantist" 1/1976 en oktobro 1975 en Berlin (GDR) okazis granda internacia Kongreso en la Internacia Jaro de la Virino, kiun ankaŭ partoprenis delegitaro de MEM. El „Nachrichten für Sprachmittler", Berlin, 4/75, (Informoj por interpretistoj) ni ĉerpas jenajn informojn pri la situacio de la fremdlingva tradukado dum tiu-ĉi kongreso[1]).

Entute 175 simultanaj tradukistoj laboris dum la kunsidoj en pleno kaj komisionoj, zorgantaj por la interkomprenado de ĉirkaŭ 2000 delegitoj, observantoj kaj gastoj. La kongreso laboris ĉefe en 6 lingvoj. GDR mem ne disponis pri sufiĉe da tradukistoj por ĉiuj tiuj 6 lingvoj (angla, rusa, franca, hispana, germana, araba) kaj tial devis helppeti tradukteknikon kaj 75 tradukistojn el kelkaj socialismaj landoj. Dum tagoj de plej altaj laborpostuloj samtempe aktivis 16 simultane interpretantaj tradukistaj grupoj (en kabinoj).

Dum la plenkunsidoj oni certigis la simultanan tradukadon en 21 lingvoj „en akceptebie bona kvalito". Oni legas en la raporto (p. 4):

„Pri la por kaj kontraŭ de tia multeco da lingvoj oni multe diskutis kaj diskutas inter la kolegoj kaj certe tio ankoraŭ estos diskutmaterialo. Sed unu afero restas nekontestebla: La venko pri la „lingva barilo" eksterordinare plifaciligis kaj plibonigis la laborkondiĉojn por la ĉiurilate larĝa demokratia konsisto de la kongreso, por la multeco de la delegitaroj el landoj. naciaj kaj internaciaj organizaĵoj".

[1]) Rolf Birkigt: Weltkongreß im Internationalen Jahr der Frau — Bewährungsprobe für Simultandolmetscher.

D. B.

## *Universitata lernolibro*

Kiel konate jam dek jarojn funkcias oficiale la fako Esperanto (lingvo kaj literaturo) en la Eötvös Loránd Universitato Budapest. Prof. d-ro Istvan Szerdahelyi ne nur gvidas la fakon kaj faras elstaran kaj unikan laboron en la universitatnivela instruado de Esperanto, li ankaŭ devas verki la bezonajn universitatnivelajn lernolibrojn, kiuj ĝis nun plene mankas en Esperanto. Aperis ĝis nun unu gramatiko kaj laste, en la jaro 1975 la ampleksa verko „Metodologio de Esperanto", verkita de la fakestro (Eötvös Loránd Tudományegyetem, Bölcsészettudományikar, Dr. Szerdahelyi István: Metodologio de Esperanto, Kézirat, Tankönyviadó, Budapest 1975, 378 paĝoj). La esperantlingva titolo estas „Metodologio de Lingvostudado kaj parolalproprigo". Tiu ŝajne, en vendejoj ne aĉetebla, scienca libro estas dividita en 5 partoj:

1-a parto: La teorio de lingvoinstruado
2-a parto: La selektado kaj segmentado de la lingva materialo
3-a parto: La programo de la organizado
4-a parto: La programo de instru-eduka aktiveco
5-a parto: Esperanto en lernejoj (historia trarigardo).

La libro estas abunde provizita per tabeloj kaj skemoj. Sian multinformitecon la aŭtoro dokumentas per notoj kaj bibliografiaj indikoj sur pli ol 30 paĝoj. La libro (bezonanta de kompetentulo kritikan sciencan analizon kaj recenzon, ĉi-tie kontentige ne doneblan) estas unu el la ankoraŭ tro malmultaj provoj, verki pri Esperanto kiel scienca objekto. Kiel oni kun intereso ekscias (paĝo 343) estas planataj jenaj pliaj lernolibroj:

1. Literatura Krestomatio, Ia parto (1976)
2. Gramatikaj studoj (1976)
3. Interlingvistiko (1976)
4. Literatura Krestomatio, IIa parto (1977)
5. Interlingvistika Glosaro (1978)
6. Sistema Gramatiko (1978)
7. Literatura Krestomatio, IIIa parto (1979)
8. Historio de Esperanto-movado (1979).

La necesego de tiaj libroj certe evidentas. La jaro 1976 ŝajnas fariĝi tre fekunda. Ni atendas kun scivolemo la titolojn 1—3.

D. B.

---

**Volgo-urala renkontiĝo**

De la 7a ĝis 9a de novembro 1975 okazis en Ufa (Sovetunio) la 12a Volgo-Urala Esperanto-Renkontiĝo, kiun partoprenis pli ol 80 personoj el 23 urboj. Interalie oni diskutis pri la socia utiligo de Esperanto, renkontiĝis kun interesaj personoj, lernis Esperanto-kantojn, ekskursis k. t. p.

(Heroldo 17/1975)

# Teknikistoj – esperantistoj

*Antaŭ kelkaj monatoj ni ricevis interesan leteron de la Teknika Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, kiun ni represas iom koncizigita. Ŝajnas al ni, ke niaj ĉeĥaj amikoj atentigas pri tre grava problemo. Interesiĝantoj pri la menciitaj demandoj bv. sin direkti al CLR.*

Scienco kaj tekniko fariĝas en nuna epoko, ofte nomata scienc-teknika, ĉiam pli grava afero.

Se Esperanto devus disvastiĝi kaj fariĝi vere ĉiutaga interkomprenilo, ni devas dediĉi nian atenton precipe al la scienco kaj tekniko. Enkonduki Esperanton en ĉi tiun medion klopodas la sciencaj kaj teknikaj organizaĵoj, inter ili ankaŭ nia Teknika Sekcio.

Sciencistoj kaj teknikistoj estas plejparte t. n. praktikaj homoj, kiuj lernas nur tion, kion ili povas praktike eluzi.

Estas malmultaj esperantistoj-sciencistoj kaj teknikistoj, ĉar estas malmulta literaturo kaj gazetaro pri scienco kaj tekniko en Esperanto. Kaj estas malmulta literaturo, ĉar estas malmultaj esperantistoj. Ni devas rompi ĉi tiun „sorĉan cirklon". Por ke oni povu eldonadi fakajn librojn, kaj por ke oni povu sekvi sciencan kaj teknikan literaturon, oni bezonas bonajn politeknikajn kaj specialajn unufakajn terminarojn. Tio validas por ĉiuj landoj.

Nia teknika Sekcio jam dum jaroj kompilas jam ekzistantajn terminarojn, kompletigas ilin, kaj tiel estigas sliparon, kiu estas bazo por estonta ĉeĥa/slovaka/-esperanta politeknika terminaro, kaj por Esperanto-ĉeĥa/ slovaka/ kun terminoj en aliaj lingvoj.

La Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE) plivigligas nun sian aktivecon kaj intencas aligi la landajn sciencajn kaj teknikajn organizaĵojn. Ni bonvenigas tial internacian kunlaboron. Montriĝas ankaŭ utile vivigi apartan regionan laborgrupon de socialismaj landoj. Bonvenaj estas ankaŭ unuopuloj, spertaj kunlabori en privortaraj aferoj. De baza graveco estas reciproka informado pri la jam plenumita laboro. Ni povus ankaŭ eldonadi komunan informilon kaj aliajn publikaĵojn.

---

**Korekto**

Al la artikolo „Spertinterŝanĝo en Zwickau" en „de" n-ro 73/74, p. 43, respondis s-ano Magnus Weisflog, korektante: „Ne s-ano Hagemann parolis pri geografiaj nomoj, sed la subskribinto. Mi ankaŭ ne kritikis la poŝatlason el ĈSSR, sed kontraŭe mi atentigis pri la io-formoj ĉe landaj nomoj, ĉar la Lingva Akademio ankaŭ lasas al la ĝenerala uzado libere decidi, kaj la poŝatlaso preferis la io-formon, kaj tio restas rekomendinda. Do mi ne kritikis ĝin. Eble oni fuŝkomprenis. Bonvolu korekti tion en la sekvonta numero de „der esperantist", Farita. La red.

**Korekto de korekto**

Eĉ tio okazas. Ni malĝuste korektis en „der esperantist" n-ro 73/74, p. 34, informon pri la kolora prospekto pri Erfurt. La prospekto kostas nur –,50 m. La disdonanto estas s-ro Harald Micheel, GDR-50 Erfurt, Hans-Sailer-Straße 97.

Ni petas pardonon.

## „der esperantist" über die Post

Der Vertrieb unseres Mitteilungsblattes über die Post hat also begonnen. Natürlicherweise sind einige Anlaufschwierigkeiten zu überwinden. Nicht jeder Bezieher unserer Zeitschrift hatte rechtzeitig sein Abonnement bei seinem Postamt (also nicht beim Zentralen Arbeitskreis) bestellt. Er wird dieses Jahr (und nur dieses Jahr!!) die ihm fehlenden Nummern beim Bezirksarbeitskreis oder beim Zentralen Arbeitskreis erhalten. Wer also im Laufe dieses Jahres kein Abonnement bei der Post aufgenommen hat,

**erhält in Zukunft den esperantist nicht mehr.**

Machen Sie bitte auf diese Tatsache alle Ihnen bekannten Esperantofreunde aufmerksam. Die Bestelltermine für die Aufnahme eines Abonnementes bei der Deutschen Post sind: (jeweils spätestens bis) 20. Februar (ein Abonnement ab Nr. 2), 20. April (Nr. 3), 20. Juni (Nr. 4), 20. August (Nr. 5), 20. Oktober (Nr. 6), 20. Dezember (Nr. 1/1977) usw.

Jedes Postamt ist verpflichtet, das Abonnement anzunehmen. „der esperantist" ist aufgeführt in folgenden Postmitteilungsblättern:

- Vertriebs- und Werbemitteilung (VWM) Nr. 41/75 (Nr. 418), 2/76 (Nr. 17)
- 1. Ergänzungsheft zur Postzeitungsliste 1976, Teil I für die DDR, S. 2
- Zeitschriftenkatalog der DDR 1976.

„der esperantist" erscheint nun pünktlich! Deshalb erlauben wir uns folgende Bitte: Werben Sie für Ihre Zeitschrift! Jeder Esperantist der DDR – ein Abonnent unseres Mitteilungsblattes! Jeder Esperantist der DDR versendet unsere Zeitschrift außerdem an seine Brieffreunde!

Bitte helfen Sie uns!

---

## La temo de diploma laboro: Esperanto

La diplomitino de la filologia fakultato de Latvia Ŝtata Universitato Liga Berzina defendis sian diplomlaboron, ricevante la plej altan noton „kvin". La ellaborita temo estis neordinara: *„La evoluo de ideoj pri planlingvo"*.

Estinte ankoraŭ studentino de IIIa kurso, Liga hazarde ekvidis afiŝon de la Domo de instruistoj, anoncantan Esperanto-kurson. Ŝi finis kvarmonatan kurson, fariĝis aktivulino en la junulara sekcio de la Riga Esperanto klubo, partoprenis diversajn entreprenojn de la klubo.

Liga rakontas: „La temon por diploma laboro oni devas preni tia, ke ĝi estu proksima al vi, ke ĝi maltrankviligu, interesu vin." Ŝi konsultis siajn geinstruistojn pri la demandoj de la nova scienco – interlingvistiko, legis specialan literaturon.

Kaj jen – Liga Berzina staras antaŭ la Ŝtata komisiono respondante senhezite ĉiujn demandojn de sia oponanto – instruisto de Latvia Ŝtata universitato N. Lapinŝ.

La planoj de Liga por estonto: instruado de latva lingvo kaj literaturo en la vilaĝa lernejo de Jaunauce.

Planoj por la kuranta tempo: partopreno en la „kunflugo"[1] de Tutsovetiaj Esperanto-kluboj en la Altaj-regiono.

Ĉiam kaj ĉie Liga Berzina restas fidela al sia principo – „Por paco, por amikeco sur nia planedo, por komuna internacia helplingvo de interkompreniĝo!" El „Sovetskaja Molodjoĵ", Riga, 17. 8. 75, p. 2

[1]) Verŝajne komuna kampado. La red.

## Turismaj aranĝoj 1976 (II)

*(komparu la liston en „der esperantist“ 1/1976)*

**Bulgario**

Internaciaj Kursoj kaj Pedagogia Seminario por Preparado de Instruistoj kaj Kursgvidantoj de Esperanto, 5. – 24. aŭgusto 1976.

I. *Internaciaj Kursoj por Esperanto-Instruistoj*

A. Por lernado de la lingvo

II grado – daŭriga, III grado – supera

B. Kurso por instrurajto de Esperanto

II. *Internacia Pedagogia Seminario por E-Instruistoj kaj Kursgvidantoj*

El ricevita letero ni citas:

Tiu aranĝo okazis jam sepfoje kaj akiris sufiĉe vastan popularecon kaj aŭtoritaton internacie. La problemo pri preparo de Esperanto-instruistoj kaj kursgvidantoj estas esence grava por ĉiuj landoj. La kursoj kaj la seminario en Burgas, vizitataj ĉiujare de pli ol ducent personoj el dekoj da landoj, reale kontribuas por la sukcesa solvo de tiu ĉi tasko.

Ni afable petas Vin laŭeble plej vaste informi la vialandan instruistaron pri la internacia aranĝo en Burgas.

Pri la kursoj kaj la seminario:

En la kursoj kaj la seminario estas akceptataj *nur instruistoj kaj kursgvidantoj* (neprofesiaj E-instruistoj). La akceptado en la diversaj gradoj estas farata surbaze de dokumento pri ekzameno por la antaŭa grado aŭ, se tia dokumento mankas, post esplora konversacio.

Ĉiutage estas 4 lernohoroj, la ceteran tempon oni uzas laŭplaĉe (sur la plaĝo, en promenadoj, ekskursoj ktp.).

LIMTEMPO DE ALIĜO: La 15-a de majo 1976.

KOTIZO: 110 bulgaraj levoj aŭ egalvaloro (inkluzivas nutradon, loĝadon, instruadon, administrajn elspezojn). Sumojn oni sendu al *adreso:* Bulgario 1303 Sofio, ĉrez Bâlgarska Vânŝnotârgovska Banka do DS Kasa, Blagoevski Rajon, smetka 185/2553 na Sofijskia Okrâĵen Esperantski Komitet.

Ĉe neebla transpago kotizoj estos akceptataj ĉe alveno en Burgas, *sed kun anticipa averto.*

En la komuna loĝejo oni ne rajtas havi kun si infanojn aŭ aliajn nekursanojn.

Pli detalajn informojn oni povas ricevi de: Okrâĵen Esperantski Komitet, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofio, Bulgario (tel. 31-00-29).

Venu perfektiĝi en Esperanto meze de agrabla internacia Esperanto-medio! Venu ĝui la varman bulgaran sunon kaj ĉarmon de la maro!

## ĈSSR

Pri *Pionira Tendaro* kaj 24—a *Somera Esperanto-Tendaro (SET)* en Lanĉov (kp. „de“ n-ro 5/6/1975, p. 36).

Ni citas el la informilo SET-ano 2/1975:

La Esperanto-Klubo, loka grupo de ĈEA Třebič, en kunlaboro de ZO Svazarm, Třebič 2 kaj Pionira Organizaĵo ĉe la elementa lernejo — Hasskova strato, Třebič, organizas de la 4-a de julio ĝis la 17. 7. 1976 sub la aŭspicio de Revolucia Sindikata Movado (ROH) tendaron en Lanĉov por grupoj de Pionira Organizaĵo kun ilia gvidanto. Antaŭtagmeze okazos trihoraj kursoj de la lingvoj rusa, germana kaj Esperanto, poste sekvos amuza kaj interesa pionira programo.

La tendarkotizo por la Pionira etapo estas 450 Kčs.

La Esperanto-Klubo, loka grupo de ĈEA en Třebič sub la aŭspicio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio aranĝos ankaŭ sian 24-an Someran Esperanto-Tendaron (SET). Ĝi okazos en du etapoj, de la *8. 7. ĝis 31. 7. 1976* kaj de *1. 8. ĝis la 14. 8. 1976* en sia tradicia loko apud la granda valbaraĵa lago de Vranov ĉe vilaĝo Lanĉov (pronocu lanĉof) distrikto de urbo Znojmo. La tendaro ligas en si la instruadon de Esperanto kun la vivo en naturo, sportado kaj esperantista kunesto. Antaŭtagmeze okazos instruado en kvin diversgradaj kursoj, nome A (por komencantoj), B (por progresintoj), C (konversacio), D (por estontaj instruantoj) kaj E (por tradukantoj. Posttagmeze okazas banado, sportado, ekskursoj, vespere tendarfajroj kun kantado ks. La tendaranoj loĝas plejparte duope en tendoj kaj kvarope en kabanetoj. La tendarkotizo, kiu inkluzivas kvin manĝojn tage, estas 600 Kčs.

La ekskursoj — unu tuttaga aŭtobuse kaj du duontagaj dum unu etapo — ne estas enkalkulitaj en la tendar-kotizo. Ilia prezo estas proksimume 60—80 Kčs. La tendarano devas submeti sin al la fina ekzameno kaj observi la tendaran regularon. Ni invitas ankaŭ eksterlandajn samideanojn *kun bona scio de la lingvo,* kiuj ŝatas tendaran vivon kaj volas perfektiĝi en la lingvo. Dum la 23 jaroj de SET partoprenis en ĝi gesamideanoj el preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj kaj el 3 transmaraj landoj. Ili helpis al ni krei la deziratan internacian lingvan medion.

Ni ĝojas renkonti eble ankaŭ vin en nia tendaro.

Por glata funkciado de la tendara vivo estos utile, se vi konscios, ke ĉiujn laborojn la gesamideanoj plenumas senpage; la estraro do esperas, ke ankaŭ vi helpos fari ĉiujn necesajn laborojn, por ke la vivo en la tendaro estu agrabla kaj samideana.

Esperanto-Klubo, loka grupo de ĈEA,
CS 674 01 Třebič, ĈSSR

*Somera Esperanto-Lernejo* en Dudince (SELD 76) Slovakio
4.—18. 7. 1976. Informojn ĉe Arošt Váňa, 96 271 Dudince

*Somera Esperanto-Lernejo* en Zvolen, Slovakio
18.—31. 7. 1976. Informojn ĉe Esperantský Krúžok pri Kulturdoma spoločen, stredisko 960 01 Zvolen

*Turisma semajno en Slovaka Paradizo* (TUSE 76) Slovakio
21.—27. 8. 1976. Informojn ĉe Inĝ. Milan Zvara, Leninovo nábr. 29, 05801 Proprad

*Amika renkontiĝo esperantista* (ARE 76) Slovakio
3.—5. 9. 1976 en Dudince. Informojn ĉe Aroš Váňa, 96 271 Dudince.

*Atentu! La aranĝoj en Dudince kaj en Zvolen estas precipe slovakaj. Tamen eblas la partopreno de eksterlandanoj.*

# La gazetaro pri ni en 1975

En „der esperantist“ n-ro 69 (1/1975) p. 13/14 ni listigis la al ni konatajn gazetartikolojn aperintajn en GDR en 1974.

**Por 1974 ni aldonas:**

*„Der Morgen“*, Berlin, 28. 12. 74, Esperanto-Enzyklopädie, pri „Esperanto en perspektivo“

*„Norddeutsche Zeitung“*, Rostock, 8. 10. 74, Foto pri transdono de LEA-Flago de Rudi Graetz al la BAK-estro de Rostock, G. Peters

*„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten“*, Leipzig, 15. 12. 1974, Zamenhof-Abend der Esperantisten

*„Sächsisches Tageblatt“*, Dresden, 8. 12. 1974, Esperanto-vorttrezoro: 400 000. Pri PIV kaj la evoluo de la leksiko; 15. 11. 74 Gereimtes (Pri Raymond Schwarz kaj lia poemeto „La bona peranto“)

**1975**

*„Sächsisches Tageblatt“*, Dresden, 10. 1. 75 Esperanto-literaturo en Eŭropo 1974, amplekse; 31. 1. 75 Kion signifas Triangulo? 5 kolumnoj (!) kun foto pri la internacia lingvo kaj speciale la agado en Zittau kaj Dresden; 14. 2. 75 „Esperanto“ ek de 1905, pri la revuo Esperanto; 7. 2. 75 „La revuo“ pri Esperanto-gazetaro; 21. 2. 1975 La naskiĝo de la Laborista-Esperanto-gazetaro; 7. 3. 75 „Internacia Socia Revuo“, amplekse pri la unua maldekstra Esperanto-revuo; 14. 3. 75 Pri la agado de SAT; 4. 4. 75 „Internaciisto aperis en Berlin“; 30. 5. 75 pri turismaj aranĝoj; 26. 9. 75 Esperantoteksta letero (Por amikoj de Esperanto)

*„Das Volk“*, Erfurt, 5. 3. 75, Tamen nur helplingvo, de prof. d-ro Schippan, miksaĵo el konstato de faktoj kaj eksmodaj antaŭjuĝoj kontraŭ Esperanto; 20. 9. 75 pri kursoj

*„Märkische Union“*, Potsdam, 4. 4. 75 ampleksega artikolo pri Esperanto kaj la agado de esperantistoj de GDR, speciale distrikto Dresden; 2. 11. 75 pri kunagado kun esperantistoj en Opole

*„Neues Deutschland“*, Berlin, (GDR-eldono) 2. 4. 75 „Esperanto-Brief“ pri letero ricevita el Hanoi kiel danko por 100 ekzempleroj de „Nuda inter lupoj“

*„Ostseezeitung“*, Rostock, 2. 4. 75, pri 100 ekzempleroj „Nuda inter lupoj“ senditaj al Hanoi

*„Freiheit“*, Halle, 3. 1. 75, Esperanto en Kulturligo, pri agado en GDR; 26. 3 75 Kion pri Esperanto?

*„Der Morgen“*, Berlin, 6. 2. 75, Esperanto inter amikoj, pri renkontiĝo en ĈSSR

*„Sächsische Zeitung“*, Riesa, 18. 2. 75 La sama lingvo por 65 landoj, pri 10jara ekzisto de la Esperanto-grupo en Riesa amplekse

*„Sächsische Zeitung“*, Dresden, 6. 3. 75 Kie oni povas informiĝi pri Esperanto; 21. 10. 75 10 jaroj grupo en Dresden

*„Sächsische Zeitung“*, Pirna, 4. 3. 75 De post 50 jaroj Esperanto en Pirna

*„Volkswacht“*, Gera-Land, 4. 2. 75 Esperantistoj al Ostrov; 19. 2. 75 Esperantistoj de Ronneburg en Ostrov

*„Volkswacht“*, Greiz, 5. 2. 75 junulara vespero

*„Die Union“*, Dresden, 25. 2. 75 pri 10jara jubileo de la grupo el Riesa

*„Norddeutsche Neueste Nachrichten“*, Rostock, 1. 4. 75 dankletero el

Hanoi pri 100 ricevitaj ekzempleroj de „Nuda inter lupoj"; 15. 7. 75 Kie oni parolas Esperanton?; 12. 8. 75 Ferioj per Esperanto, amplekse

*„Der Schmiedewerker"*, Roßwein, aprilo 1975, Pri salutoj el eksterlando okaze de la Internacia Jaro de la Virino

*„Werftstimme"*, Warnemünde, 8. 5. 75 Esperanto-amikoj gratulas el Usbekio (Poliŝĉuk); 17. 5. 75 dankletero el Hanoi pri 100 senditaj ekzempleroj de „Nuda inter lupoj"

*„Liberal-Demokratische Zeitung"*, Halle, 28. 5. 75 pri Esperanto-agado en distrikto Halle; 2. 7. 75 Popolinterliga Esperanto; 25. 9. 75 Pri nova kurso

*„Märkische Volksstimme"*, Potsdam, 7. 6. 75 amplekse pri distrikta esperantista konferenco; 25. 9. 75 Pri novaj kursoj; 20. 9. 75 Esperanto ne konas esceptojn, amplekse

*„Freiheit"*, Halle, 3. 6. 75 pri Esperanto-agado en Halle; 27. 12. 75 esperantistoj solidaras

*„Magdeburger Zeitung am Wochenende"*, Magdeburg, 3. 7. 75 noto pri ralatoj de esperantistoj al Doneck

*„Mitteldeutsche Neueste Nachrichten"*, Leipzig, 8. 7. 75 Kie oni parolas Esperanton? Koncizaj informoj; 23. 9. 75 pri prelego

*„Brandenburgische Neueste Nachrichten"*, Potsdam, 8. 7. 75 Kie oni parolas Esperanton? Koncizaj informoj

*„Sächsische Neueste Nachrichten"*, Dresden, 18. 7. 75 Kie oni parolas Esperanton? Koncizaj informoj; 21. 10. 75 pri kursoj

*„Der Demokrat"*, Schwerin, 27. 8. 75 Esperanto-renkontiĝo (Burgas)

*„Freie Presse"*, Schwarzenberg, 26. 8. 75 Internacia lingvo profundigas kontaktojn, amplekse

*„Freie Erde"*, Neubrandenburg, 6. 9. 75 Esperantistoj kiel gastoj en Pollando

*„Der Gummiwerker"*, Waltershausen, 4/75 Esperanto en la servo de la sporto, 4 kolumna

*„Neue Zeit"*, Berlin, pri Esperanto-kursoj en Burgas

*„Thüringische Landeszeitung"*, Erfurt, 22. 9. 75 pri prelego

*„Nowadobe"*, Bautzen, (en sorba lingvo) pri renkontiĝo de esperantistoj

*„Horizont"*, Berlin, n-ro 26/1975, tutpaĝa artikolego de D. Blanke

„Esperanto — la plej juna lingvo de la mondo, kun du fotoj"

*Ĝenerale observebla bedaŭrinda regreso en la gazetara informa laboro — 1974 ni listigis 73 artikolojn, 1975 nur estas 53. Tamen, la „Horizont"-artikolo estas ĝis nun senprecedenca, kaj ankoraŭ havebla ĉe CLR senpage.*

*Ĉiukaze ni konkludu, ke nepre necesas plibonigi la gazetaran informon. La spertoj montras, ke plej volonte estos presitaj artikoloj pri aktualaĵoj ĉu naciaj ĉu internaciaj kunlige al Esperanto. Do ciu distrikto sisteme disdividu la taskojn al la membroj, kiu regule sendos al kiu gazeto informojn. Multaj artikoloj eble ne aperos, sed iuj tamen kaj tiuj „iuj" estas gravaj. Eklaboru!*

*L. Solovjov*

Anekdotoj pri

# *Ĥoĝa Nasriddin Afandi II*

*Tradukis Petro Poliŝĉuk, Taŝkent*

**La virina aritmetiko**

Nur tri monatoj pasis de la edziĝotago de Nasriddin Afandi kaj . . . lia juna edzino naskis al li filon. Tio ĉi iomete konsternis Nasriddinon.

„Ĉe ĉiuj edzoj, la edzinoj naskas infanojn ne pli frue ol post la trapaso de naŭ monatoj post la edziĝofesto, sed vi naskis post la trapaso de nur tri monatoj. Mi ne povas konjekti kien malaperis ses monatoj?" diris mirigita Afandi al sia edzino.

„Ekzistas, ja, tiaj stultuloj en la mondo!" krie respondis al li la edzino. „Jen, mi mencios la monatojn kaj vi kalkulu. Kiom da tempo pasis de la tago, kiam vi edziĝis?" „Tri monatoj." „Kaj kiom da tempo pasis de la tago de mia edziniĝo?" „Ankaŭ tri monatoj." „Kiom da entute estas la monatoj?" „Entute pasis ses monatoj", respondis Afandi. „Kaj nun aldonu ankoraŭ tri monatojn, kiuj pasis de la naskiĝtago de nia kara filo." Entute estas naŭ monatoj", sekvis la respondo de la konfuzita Afandi. „Kion, do, vi volas de mi!", diris la edzino per ofendita voĉo. „Vi pravas, edzineto mia, pardonu min!"

**Kiel Alaĥo dividis la azenon**

La orelo de Nasriddin Afandi ekdoloris kaj ŝvelis, sed malgraŭ tio, li devis viziti pro iuj aferoj la juĝiston de la urbo, kiu ne ŝatis Nasreddinon pro liaj akraj spritaĵoj koncernantaj la juĝistaron. Kiam Afandi eniris la hejmon de la juĝisto, tiu renkontis lin per vortoj: „Ho Afandi, bonvenon! Kio okazis kun via orelo? Ĉu vi ĝin prunteprenis de iu azeno?" „Via estas la vero", respondis al li Afandi, „Kiam Alaĥo dividis la azenon li donis la kapon al vi, doninte al mi nur la orelojn!"

**Nasriddin Afandi instruas la imperiestran azenon legi**

Iufoje, la veziro, malŝatanta Afandi pro tio, ke la lasta ofte priridis lin, sin turnis al la kruela Timurleng: „Ho, granda padiŝaho, tiu Afandi ne estas tiel saĝa, kiel li sin montras. Provu lin kaj vi certiĝos, ke li estas nur fanfaronulo". La vortoj de la veziro ekinteresis la imperiestron kaj li demandis la veziron: „Sed kiel lin provi?" „En la kortega ĉevalejo, inter la pursangrasaj vetkurĉevaloj, troviĝas maljuna azeno. Se Afandi estas tiom saĝa, instruu li al tiu azeno legopovon". „Dirite-farite", diris Timurleng kaj ordonis alvoki Afandi en la palacon.

Kiam Nasreddin Afandi venis en la palacon, la veziro malice ĝojis opiniante, ke lia malamiko estos humiligita.

Afandi aliris la tronon kaj reverencinte al la padiŝaho, diris: „Ho, granda Padiŝaho, via ordono instrui al via azeno legopovon, estos plenumita. Mi nur petegas, bonvolu konsenti pri la dekjara lernotempo kaj antaŭpagu al mi via estimata veziro dekmilon da oraj moneroj". „Dirite-farite!", konsentis Timurleng kaj ordonis kontentigi la petojn de Afandi, sed aldonis, „se, post la trapaso de dek jaroj la azeno ne povas legi, oni detranĉu la kapon de Afandi".

„Bone!" humile respondis Afandi. Veninte hejmen, Afandi rakontis al sia edzino pri la kontrakto. „Ho, mia kapo malfeliĉa!", ekploregis la edzino, „vi pereos! Ĉu eblas instrui al azeno legoscion?!"

„Ho, ne ploru, mia kara edzineto", respondis Afandi, „estas ja tute kompreneble, ke neniam la azeno povas legi. La azeno restos azeno. Sed dum tiuj dek jaroj eble mortos ĉu Timurleng, ĉu la azeno!"

## Festa Esperanto-kunveno en Pirna

La 13a de decembro 1975 en Pirna okazis granda kaj brila Esperanto-kunveno. La konsekvencaj penadoj de niaj kamaradoj el Pirna Helmut Fuchs kaj Artur Mildner montris bonegajn rezultojn. Multaj gesamideanoj el Pirna kaj la aliaj urboj de la distrikto Dresden, sed ankaŭ geamikoj el Pollando kaj el Ĉeĥa Socialisma Respubliko venis por festi la 116an naskiĝtagon de d-ro L. Zamenhof — la 10jaran jubileon de la Esperanto-grupo en Kulturligo de GDR Pirna kaj la fondiĝon de la grupo de la iama Germana Laborista Esperanto-Asocio antaŭ 50 jaroj. Krom tio k-do Fuchs povis laŭtlegi grandan nombron da gratulleteroj de eksterlandaj Esperanto-grupoj.

En sia festparolado k-do Fuchs raportis pri la historio de Esperanto, pri la vivo, ideoj kaj celoj de Zamenhof, kaj speciale pri la laborista Esperanto-movado. Li priskribis la tragikan sorton de kelkaj Esperanto-veteranoj dum la regado de la faŝismo en Germanio. La kamaradoj kaj esperantistoj Albert Barthel el Pirna kaj la instruisto Schubert el Lohmen apud Pirna ne ĝisvivis la kruelajn torturojn en la koncentrejoj.

K-do Artur Mildner, antaŭ 50 jaroj kunfondinto de la Laborista Esperanto-grupo en Pirna, estis honorigita per diplomo kaj donaco pro lia persista batalo kaj kunlaboro por Esperanto.

Ankaŭ s-ro Paul Glöckner, 85jara, kiu sian tutan vivon agadis por la internacia lingvo, estis distingita per donaco.

Estis ĝojige, ke multaj kunvenintoj estis gejunuloj. Ankaŭ oni povis konstati, la partoprenon de la partio-sekretario de Socialisma Unuiĝinta Partio, subdistrikto Pirna, kaj de reprezentanto de la urba estraro. Ili ĉiuj subtenis la kunvenon.

Sekvis salutparolado de k-do Walter Röhner, kiu parolis en la nomo de la esperantistaro de distrikto Dresden. Li gratulis kaj dankis por la bonega laboro farita en Pirna kaj esprimis la dezirojn al la ĉeestantoj, ke ili samfavore kaj aktive laboru kiel la iamaj GLEA-anoj antaŭ 50 jaroj.

La festkunvenon kronis la arta programo, prezentita de opera kantisto Miroslav Smyčka el Usti/ČSSR, Jan Mros el Wroclaw/Pollando kaj Ilse Mildner kaj Walter Folprecht el Pirna (en akompano de la pianistino s-ino Standke-Schöne).

W. Röhner

---

## 10 jaroj Esperanto-grupo Schwerin

Ni skribis la 17an de januaro 1966 kiam la iama instruisto de la vilaĝo Mecklenburg, s-ro D. Blanke, (li nun estas la sekretario de la CLR-Berlin) en Schwerin paroladis pri la temo: „Kio estas Esperanto?“

Tiu ĉi tago estis la naskiĝtago de nia E-grupo en la Kulturligo de GDR. Intertempe nia grupo kreskis kaj disvolviĝis. Ni uzis la 10an datrevenon,




**„Ni estas kune kun la hispana popolo“**

Tiel tekstas unu el la sloganoj de la tre aktiva Esperanto-grupo, klubo de internacia amikeco, en la okklasa lernejo de Ziemeri en Marinkalins, distrikto Aluksne, Latvia SSR. La patrono de la klubo „Fajrero“, s-ano Arturo Kubulnieks gvidas modele la internaciisman agadon de la grupo, kiu ankaŭ havas leteramikojn el GDR.

---

(Daŭrigo de p. 22)

la 16. 1. 1976, por malgranda jubilea festo kaj samtempe kiel letervesperon. Renkontiĝis en la domo de Kulturligo Schwerin 24 geesperantistoj kaj kiel gasto partoprenis la sekretario de la subdistrikta gvidantaro de la Kulturligo Schwerin, s-ro Bütow.

Post la malfermo de la renkontiĝo s-ro Thormann festparoladis pri la agado de nia grupo dum la pasintaj dek jaroj. Li povis konstati inter alie, ke dum la tuta ekzistado de nia grupo, niaj s-anoj partoprenis en multaj internaciaj Esperanto-aranĝoj kaj gastigis kelkfoje eksterlandajn esperantistojn. Ĝis nun ni realigis 6 kursojn por Esperanto, kiujn entute partoprenis ĉirkaŭ 100 personoj. S-ro Bütow transdonis al nia grupo salutskribaĵon, en kiu la subdistrikta gvidantaro dankis por la ĝis nun farita respondeca agado. La kunfondintoj kaj longjaraj aktivuloj de nia grupo, s-anoj Thormann, Stechert kaj Diedrich estis distingitaj.

Laŭ nia anonco en la internacia Esperanto-gazetaro kaj laŭ personaj petoj ni ricevis 42 salutojn el 15 landoj.

Estas krome menciinde, ke en ĉiuj gravaj regionaj gazetoj, „Schweriner Volkszeitung“, „Norddeutsche Zeitung“ kaj en „Der Demokrat“ aperis informoj pri la jubileo. Precipe la gazeto „Der Demokrat“ aperigis pli grandan artikolon pri la jubileo kaj pri Esperanto. Dum la matena programo ankaŭ la loka radio-stacio „Sender Schwerin“ disaŭdigis informon.

Laŭ artikolo de F. P. Kurtz kaj W. Schulz

# KORESPONDDEZIROJ 31635

## Pollando

Studentino, 20jara, dez. kor. tutmonde pri literaturo, mod. muziko, sporto, turismo, kino, teatro. Interŝ. pm, bk, mod.-revuojn, gramofon-diskojn, **Maryla Czopek, Kraków,** str. Limanowskiego 16/9

Komencanto dez. kor. kun germanaj esp., Tadeusz Grudniewski, ul. Sambora 2/3, 83-130 **Pelplin**

Junulo, 17jara, dez. kor. kun geesp. el GDR pri sporto ktp., kol. bk, Adam Gwara, 05-100 **Otwock,** ul. Pazinskiego 13

Eugeniusz Jendrysiak, 39jara, 58-560 **Cieplice Sl.-Zdroj,** ul. Mireckiego 14/1, dez. kor. tutmonde pri literaturo, turismo, kino, teatro. Interŝ. bk, mod.-revuojn, gramofondiskojn

Junulino, 17jara, dez. kor. pri muziko, danco, foto, lingvoj, turismo, kol. bk.: Krystyna Knasiecka, ul. Rybaki 8, m 45, 61-883 **Poznan** 2

Lernanto: Serge Kozacki, ul. L. Olkowskiej 5A/12, -8-300 **Zambrów,** dez. kor. kun sam. el soc. landoj pri geografio, astronomio, kol. pm., bk.

Maria Kroczak, 23jara, **Wroclaw,** kod. 51-214, str. Arniu Czerwanej 54, dez. kor. tutmonde pri literaturo, mod. muziko, turismo, kino, opero, teatro

Ryszard Kuciewicz, 19jara, 54-611 **Wroclaw,** str. Liebknechta 65/2, dez. kor. tutmonde pri literaturo, mod. muziko, sporto, turismo, kol. pm, bk

Junulino, 18jara, dez. kor. kun germ. gejunuloj pri psikologio beat-muziko, arto, sporto: Alicja Miron, 15-373 **Bialcsok,** ul. Lubelska 6 m 1

Kuracisto, 43jara, dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, turismo, kol. bk, diapoz., magnetof. kasetojn: str. Pstrowskiego 1, 45-049 **Opole**

Junulino, 18jara, dez. kor. kun gegermanoj pri arto, filmo, vojaĝo, sporto: Sylvie Prazmarska, 34-500 **Zakopane,** ul. Kościuszki 18

Aktorino, 34jara, dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, teatro, kino, kol. bk, mod.-revuojn, gramofondiskojn: Anna Ramza-Radłowska, 42-200 **Czestochowa,** ul. Deglera 27/31

Laboristo, 22jara, dez. kor. tutmonde pri literaturo, moderna muziko, kino, teatro, kol. mod.-revuojn, gramofondiskojn: Eugeniusz Szwarc, 62-870 **Blaszki,** str. Swierczewskiego 11/3

Danuta Zarebezan, Bór 39, 34-424 **p-zo Szaflary,** woj. Nowy Sacz, dez. kor. kun germanoj, kol. bk

Lernantino, 17jara, dez. kor. kun germ. geesperantistoj pri lingvoj kaj muziko: Emilia Wasinska, Itrzyzowice, 27-500 **Opatów,** pow. Opatów woj: Kielce

## Soveta Unio

Helpkuracistino 22jara dez. kor. pri muziko, turismo, sporto kaj literaturo tutmonde: Gaúhár Kulujeva, 453 180 **Baŝkirio**, Sterlibaŝ regiono, V. Sterlibaŝevo, Parka strato 13—14

Studento 22jajra dez. kor. pri sporto, moderna muziko, naturo, kol. pm.: Jüri Körge, 202127 **Rakvere,** raj Ilumäe sjk, Oruveski, ESSR

Estono terkulturisto dez. kor. tutmonde pri literaturo, kol. bk. pm. Edmund Jaan, 202 950 **Abja,** pk 11, Estonio

Stepan Lukjanjuk, 350000 **Krasnodar,** ul. Orĝonikidze, 69, kv. 3, interesiĝas pri eldonaĵoj de novaj germanaj verkistoj

## Svedio

Jan Vedevik, Poste restante, 40101 **Göteborg I,** 55jara, dez. kor. kun esperantistinoj el la tuta mondo

Oficisto, 56 jara, kun esperantistinoj el la tuta mondo pri ĉiuj temoj, prefere pri literaturo kaj arto. Jan Vedevik, Poste Restante, 40101 **Göteborg I**

---

**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91**

**Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. Druck: Druckwerkstätte Glauchau**

III-12-8 366